# der esperantist

**Mitteilungsblatt der Esperantofreunde im Kulturbund der DDR**

15. Jahrgang Nr. 93 (1/1979) 30 Pf


## *Abschlußerklärung*

**der Teilnehmer des III. Zentralen Treffens der Esperantisten im Kulturbund der DDR vom 13.–15. Oktober 1978 in Rostock**

I.

Wir, Teilnehmer des III. Zentralen Treffens, haben über den bisher erreichten Stand der Arbeit der Esperantisten im Kulturbund der DDR und über die Ziele unseres zukünftigen Wirkens beraten, wie sie sich aus den neuen Grundaufgaben des Kulturbundes sowie in Vorbereitung des 30. Jahrestages der Gründung der DDR ergeben.

Wir erklären als wichtigste Zielsetzung und Bedingung unserer Tätigkeit die weitere allseitige Stärkung der sozialistischen DDR und den verstärkten Kampf für Frieden, Entspannung und Abrüstung.

Wir begrüßen die vielseitigen Initiativen der UdSSR und der mit ihr verbündeten Staaten der sozialistischen Gemeinschaft für eine weltweite Abrüstung und die weitere Durchsetzung der Prinzipien der friedlichen Koexistenz.

Wir wenden uns energisch gegen die zunehmenden entspannungsfeindlichen Aktivitäten imperialistischer Kreise, die dazu dienen, erneut eine Atmosphäre des „Kalten Krieges" zu schaffen sowie gefährliche Krisen herbeizuführen.

Wir verurteilen auf das entschiedenste den von der USA-Regierung geplanten Bau der Neutronenbombe sowie deren Stationierung in Europa. Wir versichern allen Völkern, die im antiimperialistischen Kampf stehen und um ihre Freiheit und Unabhängigkeit ringen, unserer festen Solidarität.

II.

In tiefer Übereinstimmung mit den vielfältigen Aktivitäten der Werktätigen unserer Republik und des Kulturbundes zum 30. Jahrestag der Gründung der DDR rufen wir alle Esperantisten auf, ihren spezifischen Beitrag zur Realisierung der vom IX. Bundeskongreß des Kulturbundes beschlossenen Grundaufgaben zu verstärken.

Das soll geschehen

- durch eine stärkere Einbeziehung aller Möglichkeiten des Kulturbundes in die Gestaltung einer vielseitigen internationalistischen Arbeit der Esperanto-Gruppen, um die persönlichkeitsbildenden Werte der internationalen Sprache noch besser zu erschließen und für eine sinnvolle Freizeitgestaltung zu nutzen;
- durch wirksame Nutzung des Esperanto für die internationale Information über die Ergebnisse der 30jährigen sozialistischen Entwicklung der DDR;
- durch die weitere Vertiefung der freundschaftlichen Beziehungen zu den Esperantisten der UdSSR, der anderen sozialistischen Staaten und mit fortschrittlichen Kräften anderer Länder;
- durch die noch intensivere Mitarbeit in der Weltfriedens-Esperanto-Bewegung sowie in anderen Organisationen.

III.

Es gilt, die uns gestellten Aufgaben in noch besserer Qualität als bisher zu lösen. Um das zu erreichen, ist es notwendig, daß alle Esperantisten und ihre Leitungen

- auf der Grundlage der Weltanschauung der Arbeiterklasse ihr Wissen über die politischen und ideologischen Hauptfragen unserer Zeit ständig vertiefen, noch besser in das Wesen der verstärkten Klassenauseinandersetzung zwischen Imperialismus und Sozialismus eindringen und die Einheit von sozialistischem Patriotismus und proletarischem Internationalismus weiter ausprägen;
- den Reichtum der revolutionären Traditionen der internationalen und deutschen Arbeiter-Esperanto-Bewegung weiter erschließen und schöpferisch auf ihre Arbeit anwenden;
- neue Interessenten, vor allem Jugendliche, für die Arbeit im Kulturbund der DDR gewinnen und neue Esperanto-Gruppen gründen;
- die Leitungstätigkeit wirksamer gestalten und stärker und planmäßiger als bisher politisch und fachlich fähige Nachwuchskader heranbilden;
- ihre sprachlichen und fachlichen Kenntnisse wesentlich verbessern und den diesbezüglich erreichten Stand weiter ausbauen, um auch durch gute fachliche und wissenschaftliche Aktivitäten ihre Wirksamkeit und ihr Ansehen in der internationalen Esperanto-Bewegung zu erhöhen.

Der Zentrale Arbeitskreis Esperanto im Kulturbund der DDR, alle anderen Leitungen und jeder einzelne Esperantist sind aufgerufen, mit Initiative und persönlichem Engagement zur Erfüllung dieser Aufgaben beizutragen.

Die Teilnehmer des Treffens

Rostock, den 15. 10. 1978

**La IIIa: Plena sukceso!**

# Rostock donis al ni novan impulson

Jam la kvinan fojon ĉirkaŭ 200 esperantistoj el GDR kun siaj eksterlandaj gastoj renkontiĝis al kelktaga kunesto. Ĝis nun estis du centraj konferencoj (kun elektoj) kaj tri centraj renkontiĝoj (fakte konferencoj sen elektoj). La *IIIa Centra Renkontiĝo de esperantistoj en KL de GDR* okazis de la 13a ĝis 15a de oktobro 1978 en Rostock, en la digna ĉebaltmara pordego de GDR al transmaraj foroj. Rostock ludis gravan rolon dum la 20aj jaroj en la Germana Laborista Esperanto-movado. Tie agadis la juna laboristo *Rudi Graetz,* kune kun aktivuloj kiel *Paul Köster, Werner Plate* k. a. Rostock ankaŭ hodiaŭ apartenas al la plej aktivaj distriktoj.

Rudi Graetz, la unua prezidanto de Centra Laborrondo Esperanto ne plu estas inter ni. Paul Köster kaj Werner Plate ĝis hodiaŭ senlacas, kaj estas ankaŭ ilia merito la certo, ke en Rostock la esperantistoj faras seriozan laboron.

La IIIa Renkontiĝo denove pravigis tiun opinion. La malgranda sed akurate kaj tre sindone laborinta Loka Organiza Komitato, kiun ĵus forlasis la iama prezidanto de DLR, sub lerta gvido de Werner Plate tre decide faciligis al CLE la organizadon de la tuto.

Ĉeestis 140 delegitoj el la distriktoj (partoprenintaj senpage la tutan aranĝon), ĉ. 40 gastoj, 20 eksterlandanoj el la frataj socialismaj landoj donis al la aranĝo internacian atmosferon. Kiel oficialaj gastoj venis el Bulgario (ges-roj *Kostadinov, Ĉ. Kovalov*), Ĉeĥa Soc. Respublico *(Z. Křimsky,* d-ro *Fritsch),* Slovaka Soc. Respublico (d-ro *Lukáč, E. Tvarožek*), Hungario *(G. Kurucz, A. Csiszár)*, Pollando (d-ro *M. Dobrzynski).* El Sovetunio partoprenis s-ino B. V. Brushilaite.

La Renkontiĝo, komparebla kun la kutimaj esperantistaj kongresoj en aliaj landoj, havis la celon iom bilanci la ĝisnunan staton de la agado de la esperantistoj en GDR kaj trajti la estontan agadon, kiel ĝi evoluus surbaze de la decidoj de la IXa Kongreso de Kulturligo en la jaro 1977.

La Renkontiĝo havis gravan antaŭfazon: Du gazetaraj konferencoj (en Berlin kaj Rostock) rezultigis sufiĉe grandan eĥon en la tutrespublika gazetaro. Aperis pli ol 25 gazetartikoloj, inter ili en la ĉeforgano de la Centra Komitato de SUPG „Neues Deutschland" (16. 10. 78). La Radiostacio „Radio GDR" elsendis raportojn kaj intervjuon. Krome kelkaj eksterlandaj gastoj estis kunaktoroj dum informvespero por la Rostock-a publiko. Antaŭ 30 personoj, inter ili reprezentantoj de gazetaro kaj popolaj altlernejo, la gastoj en kelkminutaj Esperantaj paroladetoj elstarigis iujn interesajn aspektojn de Esperanto kaj ĝia movado. Tion tuj en la germanan tradukis d-ro *Detlev Blanke.* Do, tiu vespero ne estis tede prelega sed multkolora prelegetaro internacia, kio incitis al diskuto.

La Distrikta Estraro de Kulturligo, kiu cetere tre grave kaj efike subtenis la organizon de la Renkontiĝo, invitis la eksterlandajn gastojn al neformala kunesto, kie ĝi informis pri Rostock, pri ties kultura vivo, pri la agado de Kulturligo kaj respondis multajn demandojn de la eksterlandanoj. Por la funkciuloj de Kulturligo tio ne nur estis interesa sperto pri la funkciado de Esperanto, sed ankaŭ pruvo pri larĝhorizonta multflanka interesiteco de esperantistoj, kiu ne nur limiĝis al Esperanto mem.

Vespere, la 13an de oktobro, okazis la Renkontiĝa Vespero ĉe iom tro laŭta muziko, sed kun kvizoj, solidarec-tombolo (415 markoj) kaj dancado en amika atmosfero.

La IIIan Renkontiĝon malfermis la sekretario de CLE, sekciestro de KL, d-ro Detlev Blanke, en malĉeesto de la prezidanto de CLE, Rudolf Hahlbohm, kiu troviĝis en kuracloko. En solena atmosfero la ĉeestantoj omaĝis al la forpasintoj, speciale al *Rudi Graetz*, por kies memoro Karen Boldt deklamis poemeton de Asen Grigorov.




*La prezidanto de Distrikta Laborrondo Esperanto, Rostock, Werner Plate.*

*Foto: Archiv*

La Esperanto-grupo „Lumturo" el Rostock sub gvido de Hannelore Schröder prezentis malgrandan kulturprogramon. Sekvis salutparolado de *prof. d-ro Külz*, membro de la Prezidio de Kulturligo kaj prezidanto de la Distrikta Estraro de KL Rostock, kiu tre trafe karakterizis la valoran agadon de la esperantistoj.

En konciza referaĵo de la Prezidio de CLE, ties vicprezidanto *Ludwig Schödl* skizis kelkajn ĉefajn trajtojn de la estonta esperantista agado en GDR. La referaĵon ni publikigos en „der esperantist" 2/79.

En la diskuto, kiu grave kompletigis la referaĵon, partoprenis d-ro *Joachim Hußner* (pri la valoro de Esperanto por la elformiĝo de socialismaj personecoj), *Hella Sauerbrey* (la kultureduka valoro de Esperanto ĉe propra sperto), *Hans Heinel* (aktualaj ideologiaj problemoj kaj ilia respeguliĝo en la Esperanto-movado, i. a. pri la t. n. „Neŭtrala Esperanto-Movado"), *Michael Lennartz* (pri junulara agado), *Carola Lehr* (pri gvidagado) kaj *Jürgen Hamann* (pri la 34a IJK en V. Tarnovo). Posttagmeze oni havis eblecon por elekti inter kvar prelegoj kaj tri fakgrupoj. Prelegis s-ro *Geza Kurucz*, ĉefredaktoro de "Juna amiko" („Esperanto-instruado: kleriga kaj eduka valoro"), d-ro *Fritsch*, prezidanto de la teknika sekcio de ĈEA („Uzo de Esperanto por fakaj celoj en scienco kaj tekniko"), d-ro habil. *Marian Dobrczynski*, prezidanto de Pola Esperanto-Asocio, („Internacia kulturinterŝanĝo per Esperanto"), d-ro *Detlev Blanke* („Pri Esperanto: Informado, Argumentado, Argumentoj").



*Kulturprogrameto de la grupo „Lumturo" el Rostock.*

*Foto: A. Huth*

La tri fakgrupojn gvidis d-ro *Till Dahlenburg* (Pedagogio), *Jürgen Hamann* (Esperanto-tradukado/problemoj de terminologio) kaj d-ro *Detlev Blanke (Interlingvistiko)* Post la prelegoj kaj dum la fakgrupaj kunsidoj estis abundaj diskutoj al ĉies utilo.



*La pedagogoj kunsidas. Prelegas Geza Kurucz el Hungario.*

*Foto: A. Huth*

En la bele aranĝita salonego de la „Restoracio Riga" ĉe Rostock, kie okazis la Renkontiĝo sub bona gastronomia prizorgo, troviĝis ekspozicieto en 10 vitrinoj montranta la ĉefajn atingojn de la esperantista agado en GDR. Ankaŭ riĉa oferto de Esperanto-literaturo allogis aĉetantojn.

Dum la vespero la ĉeĥa profesia aktorino *Eva Seemanova* prezentis en Esperanta traduko kaj porsceneja prilaboro la faman rakonton de *Anna Seghers* „La ekskurso de la mortintaj knabinoj", kortuŝa monodramo en perfekta prezento. La tradukon la aktorino mem prizorgis kaj eĉ estis tiel afabla, speciale por CLE surbendigi la tuton, tiel, ke ĉiu interesito povas peti kopion de CLE (60 minutoj). Dimanĉe matene oni havis la eblecon iom konatiĝi kun la aŭtune raŭka Balta Maro por poste rekunveni en la ferma plenkunsido. Tie la fakgrupestroj resumis la debatojn kaj prelegojn. Oni distingis meritplenajn esperantistojn per la Honorinsigno de CLE kaj dankis al la lertegaj organizintoj de la Distrikta Laborrondo Esperanto en Rostock.

Estas malfacile trovi iun organizan mankon. Ĉio iris minuto-akurate kaj laú preciza plano kvazaú kiel horloĝo. La esperantistoj de Rostock pro tio meritas specialan dankon! En ferma paroladeto la membro de la prezidio de CLE, *Hans Heinel*, substrekis la rezultojn de la Renkontiĝo, kiu ankaú estis bona kontribuo al la preparo de la 30a datreveno de la fondo de GDR en 1979. La plenkunsido akceptis ferman deklaron (vidu paĝojn **1/2**).

Post havena rondveturo la partoprenintoj de la IIIa Renkontiĝo forlasis la gastaman Rostock por reatingi siajn hejmlokojn. Elstarigendaj por tiu IIIa Renkontiĝo i. a. estas la klopodoj

— trakti *koncize* kaj tamen *komplekse* la ĉefajn enhavajn problemojn de la agado de la esperantistoj en GDR,

— certigi sufiĉe grandan Esperant-lingvan fakan parton,




*Por kvizemuloj. Carola Lehr starigas demandojn..*

*Foto: A. Huth*

– ne izoli (nur kiel ornamaĵo) sed partoprenigi la eksterlandajn gastojn en la Renkontiĝo,

– certigi informadon pri Esperanto en la amasmedioj helpe de tiu Renkontiĝo

– certigi per bona organizo kiel eble plej – intensan programdisvolviĝon, por doni impulsojn al ĉiu partoprenanto.

Ŝajnas, ke tiujn kaj aliajn celojn oni bone plenumis.

Tamen, malgraŭ ĉiu motivita pozitiva pritakso ankaŭ tiu Renkontiĝo montris, kion ni estonte ankoraŭ devus plibonigi kaj ni klopodos. Sed restas en la memoro de ĉiuj: Rostock donis al ni novan impulson!

Partoprenintc



*Eva Seemanova dum la prezentado.*
*Foto: A. Huth*



## Honorinsigno de Centra Laborrondo

Por distingi meritplenajn esperantistojn de GDR, Centra Laborrondo fondis Honorinsignon de CLE. Tiun insignon kiel unuaj dum la IIIa Centra Renkontiĝo ricevis jenaj esperantistoj pro multjara meritplena esperantista kulturpolitika agado en KL:

– *Otto Bäßler, Leipzig*

– *Helmut Fuchs, Pirna*

– *Werner Habicht, Waltershausen*

– *Paul Köster, Rostock*

– *Werner Plate, Rostock*

– *Richard Rabenalt, Rathenow*

– *Walter Röhner, Coswig*

– *Ludwig Schödl, Neuruppin*

– *Ernst Schonert, Berlin*

– *Ilse Serowy, Berlin*

– *Erich Würker, Reichenbach.*

Nian sinceran gratulon al la distingitoj.

*CLE*

# La gazetaro pri la IIIa Renkontiĝo

– „Neues Deutschland“[1]), Berlin, ĉefa gazeto de GDR, 18. 10. 78, sur la dua paĝo amplekseta informo ĝenerale pri Esperanto kaj la Renkontiĝo
– „Ostseezeitung“[1]), Rostock, 11. 10. 78, pri la Renkontiĝo, same 13. 10. 78 sed pli ĝenerale pri Esperanto, 17. 10. 78 kun foto pri la Renkontiĝo
– „Norddeutsche Neueste Nachrichten“, Rostock, 11. 10. 78, mallonga informo, 13. 10. 78 granda artikolo, tre detala kaj principa, 16. 10. 78 pri la rezultoj de la Renkontiĝo
– „Norddeutsche Zeitung“, Schwerin, 14. 10. 78, amplekse pri Esperanto, 16. 10. 78 amplekse pri Esperanto
– „Schweriner Volkszeitung“[1]), Schwerin, 18. 10. 78, informo pri la Renkontiĝo
– „Der Demokrat“, Schwerin, 16. 10. 78 amplekse, 20. 10. 78 tre amplekse kaj detale pri Esperanto
– „Freie Erde“[1]), Neubrandenburg, 14. 10. 78, 15. 10. 78, 16. 10. 78 artikoletoj
– „Berliner Zeitung“[1]), Berlin, 16. 10. 78, amplekse pri Esperanto
– „Der Morgen“, Berlin, 16. 10. 78 pri la Renkontiĝo, 27. 10. 78 (de P. Levsen), grava artikolo pri la Renkontiĝo
– „Märkische Volksstimme“[1]), Potsdam, 16. 10. 78, artikoleto pri la Renkontiĝo
– „Sächsisches Tageblatt“[1]), Dresden, 17. 10. 78, ampleksete pri Esperanto
– „Leipziger Volkszeitung“[1]), Leipzig, 16. 10 .78, artikoleto pri la Renkontiĝo kaj Esperanto
– „Freie Presse“[1]), Schwarzenberg, 24. 10. 78, amplekse pri Esperanto kaj la Renkontiĝo
– „Freiheit“[1]), Bernburg, 21. 10. 78, pri la Renkontiĝo kaj Esperanto
– „Neue Zeit“, Berlin, 16. 10. 78, artikoleto pri la Renkontiĝo kaj Esperanto

Ni ekciis pri 24 artikoloj sed certas, ke aperis eĉ pli.

Ni petas sendon de mencioj pri nelistigitaj artikoloj.

---

[1]) = Partiaj gazetoj (SUGG)



**Granda artikolo en „Neues Deutschland“**

La ŝajne plej ampleksan artikolon pri Esperanto, kiu aperis ĝis nun en „Neues Deutschland“, la ĉeforgano de la Centra Komitato de la Socialisma Unuiĝinta Partio de Germanio, oni trovis en la eldono de la 2./3. 12. 1978 (paĝo 16). La gazetara GDR-korespondanto en Sofio, Heinz Kämmerer, amplekse priskribis la agadon de la esperantistoj en Bulgario (65 linioj).

## *Novjara Mesaĝo de la Prezidanto de UEA*

KVANKAM ideoj de elementa justeco enpenetris diversajn aspektojn de la homa vivo, ili ne enpenetris ĉiujn. Bazaj principoj de rasa egaleco estas hodiaŭ larĝe akceptitaj, eĉ se ili ne estas ĉiam aplikataj. Vastiĝas principoj de seksa egaleco, kaj de religia. Sed la lingva egaleco ankoraŭ postrestas.

En la nunaj tagoj en multaj landoj oni festas la tridekan datrevenon de la Universala Deklaracio de Homaj Rajtoj. UEA mem deklaris la periodon de la 10a ĝis la 15a de decembro Semajno de Homaj Rajtoj kaj Esperanto. Landaj kaj lokaj Esperanto-organizaĵoj kunlaboras por fari specialajn aranĝojn dum tiu Semajno, per kiuj ili donas apartan atenton al la Universala Deklaracio kaj aliras la publikon por emfazi ĝiajn lingvajn aspektojn.

Tiuj lingvaj aspektoj de la Deklaracio estas relative neglektataj. Diskriminacio kontraŭ homoj nur pro la lingvo, kiun ili parolas, estas tre ofta hodiaŭa fenomeno. Eĉ la grandaj internaciaj organizaĵoj aplikas lingvan diskriminacion en la propra laboro kiam ili favoras certajn lingvojn kaj malatentas aliajn. En sia insistado pri lingva egaleco, Universala Esperanto-Asocio laboras por severe neglektata aspekto de la homa justeco, kiu estas eksplicite menciita en la Universala Deklaracio de Homaj Rajtoj.

En la morgaŭa mondo la simplaj fizikaj bezonoj, la interrilato de la monda ekonomio, la denseco de la homa komunikado — ĉio ĉi igos la diversajn naciojn ne plu sendependaj sed interdependaj. Tiu epoko jam alvenadas. Por konservi la diversecon de la kulturoj, la diversajn alirojn al la homaj feliĉo kaj justeco, oni bezonas homan komunikilon, kiu ne favoras unu nacion super alia sed traktas ĉiujn egalaj. Oni bezonas lingvon, kiun oni povas lerni relative facile, sed kiu kapablas esprimi ĉion lingve esprimeblan. Oni bezonas lingvon, kiu povas ligi la ordinarajn civitanojn de la mondo, do ne nur la elitojn, per senperaj ligiloj.

La morgaŭa mondo povus enteni la promeson de tutmonda lingva komunikado por ĉiu civitano. La Internacia Lingvo Esperanto estas la hodiaŭa garantio de tiu morgaŭa ebleco.

Por lokaj kaj naciaj bezonoj ni uzu lokajn kaj naciajn lingvojn; ja ĉiu lingvo havas sian rolon. Sed por internacia komunikado ni uzu unuavice la efikan kaj jam elprovitan Internacian Lingvon. Ĝi ne forigu la naciajn lingvojn, sed konservu ilin en nova lingva ordo.

En la laboro por Esperanto la jaro 1978 estis brila jaro. La Universala Kongreso de Esperanto ĉi-jare renkontigis 4 400 homojn el kvindeko da landoj en la dua plej granda kunveno en la tuta historio de la lingvo. En multaj mondopartoj novaj grupoj de homoj aŭdis la novaĵon de Esperanto kaj eltrovis ĝian utilon kiel rimedo por vera internaciismo kaj kiel forta apogilo de la paco. Aliaj komencis utiligi ĝin por pure praktikaj bezonoj — en universitatoj, en komerco, en vojaĝado, por faciligi internaciajn kontaktojn. La kresko de intereso pri Esperanto en Latinameriko estas bona ekzemplo de tiu nova kaj instiga dinamismo.

La kreskanta atento al Esperanto estas tuj komprenebla. En mondo, kiu perdadas siajn idealojn, ĝi prezentas bonan kaj indan idealon. En mondo, en kiu la transnacia komuni-

kado intensiĝas, kaj la bezono alpreni teknikon kaj sciojn el aliaj landoj kreskas, Esperanto prezentas perfekte simplan solvon.
Necesas, ke la jamaj parolantoj de Esperanto kune laboru en konscia harmonio por alporti al pli da homoj tiun ĉi modernan miraklon de la komunikado. Ni ĉiuj havas niajn diversajn alirojn al mondaj problemoj, al politiko, al sociaj demandoj, eĉ al persona filozofio — sed unuigas nin la lingvo, kiun ni parolas. Tio estas potenca kaj nedisigebla ligilo.

La jaro 1979 estas promesplena jaro. Esperanto kaj la laboro por Esperanto intensiĝas, firmiĝas, kaj — eble plej grave — disvastiĝas vere tra la tuta mondo. La atingoj de 1978 daŭru kaj duobliĝu tra 1979. Tio okazos, se ni tenos nin firme je la celo kaj en ĉiuj niaj rilatoj kun aliaj homoj ne forgesos tiun celon — la senperan, egalecan, internacian lingvan komunikadon.

Zamenhof-Tago 1978

*Humphrey Tonkin*



## UEA en la Simpozio de Neregistaraj Organizoj pri Malarmado

En junio 1977 kaj februaro 1978, okazis ĉe la sidejo de Unesko Simpozio de Neregistaraj Organizoj (NROj) pri „Malarmado, Evoluigo, kaj Edukado por Paco: Ilia Reciproka Influo". Ĝi celis la preparadon de raporto transdonota al la prepara konferenco de NROj pri malarmado, tiam okazonta en Ĝenevo en februaro/marto 1978 kaj, trans tio, al la speciala sesio de Unuiĝintaj Nacioj pri malarmado, tiam okazonta en majo/junio 1978, en Novjorko.

Ĝin ĉeestis membroj de la grupo reprezentanta Universalan Esperanto-Asocion ĉe la sidejo de Unesko.

Konataj invititoj unue prezentis la temon, ĉiu laŭ sia propra vidpunkto: *s-ro Sean MacBride* (Nobel-premiito pri paco), *prof. Alfred Kastler* (Nobel-premiito pri fiziko), *s-ro Romesh Chandra* (prezidanto de la Monda Paca Konsilio), *s-ro A. K. Mukendi* (eksministro de Zairo) kaj *s-ro Ciaran MacKeown* (kunfondinto de la Paculoj, Norda Irlando).

La Raporto de la Simpozio entenas resumon de la okazintaj diskutoj laŭ du rubrikoj: „Malarmado kaj evoluigo" kaj „Porpaca edukado". Tiuj titoloj ankaŭ estis tiuj de la du laborgrupoj, kiuj preparis la simpozion. En la parto „Porpaca edukado", kiu pli rekte rilatas kun la celoj de UEA, la raporto substrekas la neceson lukti kontraŭ pasiveco, kontraŭ rasismon per toleremo kaj respekto al ĉiuj homoj, eduki al neperforto, solvi la konfliktojn per intertraktado, provi trovi la kaŭzojn de paco same kiel de milito, eviti ĉiun gloradon de milito, precipe en lernolibroj, eduki al la homrajtoj, instrui mondan etikon, utiligi instruadon, sciencon, artojn por realigi pacon kaj pacan kunlaboradon, ktp.

Aparte menciinda estas paragrafo kiu *„alvokas al utiligo de ĉiaj rimedoj favore al paco, kiu baziĝu sur justeco, reciproka respekto, solidareco kaj*

*kompreno: tio estas amaskomunikiloj, vivo en kaj ekster la lernejo, familiaj, najbarecaj kaj komunumaj interrilatoj, ĉiuspecaj grupoj kaj movadoj kiuj agas sur diversaj kampoj, kulturaj, civitanaj, sindikataj, politikaj, religiaj, turismaj, lingvaj, kaj aliaj. Ĉiuj kunigas homojn de diversaj originoj, civilizoj, kulturoj, kaj ebligas al ili konsciiĝon pri novaj konceptoj kaj valoroj. Kelkaj neregistaraj organizoj tiurilate substrekis la gravan rolon de Esperanto."* . . .

La raporto entenas „agproponojn" adresitajn al la neregistaraj organizoj kaj al la Ĝenerala Direktoro de Unesko.

„1. Informi pri armado kaj ĝiaj kostoj kaj detruaj ebloj.
2. Konsciigi pri la danĝeroj de konkurado pri armiloj.
3. Kontribui al preparado de la speciala sesio de UN pri malarmado.
4. Plilarĝigi la festadon de la internacia tago de la paco.
5. Alvoki ĉiujn religiajn kaj filozofiajn komunumojn agi por malarmado.
6. Peti la landajn asociojn de la NROj en la landoj membroj de la Sekureca Konsilio de UN, aplikigi 10-procentan malpliigon al militistaj buĝetoj.
7. Disvolvi edukadon al universala civitaneco.
8. Intensigi ĉiujn kampanjojn por respekto al la homaj rajtoj.
9. Respekti nacian suverenecon agnoskante la etnajn grupojn kaj minoritatojn.
10. Antaŭenigi interŝanĝojn per vojaĝoj de junuloj, socia turismo kaj renkontiĝoj inter grupoj de malsamaj originoj, kulturoj, religioj, opinioj.
11. Intensigi la agadojn por la paco en la kadro de la Internacia Jaro de la Infano.
12. Pripensigi la gepatrojn pri la edukado de siaj infanoj en la perspektivo de la paco.
13. Starigi laborgrupojn en la NROj cele al porpaca kunlaboro.
14. Studi la principojn, metodojn kaj spertojn pri neperforto kaj ĝia rolo en porpaca edukado kaj por malarmado.
15. Kontroli pacan uzadon de scienca esplorado kaj kontraŭi perfektigon de ĉiuj armiloj inkluzive de la nukleaj.
16. Disvolvi la kontaktojn inter la LA de la NROj por reciproka informado kaj komuna agado por malarmado kaj paco."

*(El dokumento de UEA)*

★

## 1979 al Slovakio

La Asocio de Esperantistoj en Slovaka Socialisma Respubliko ofertos i. a. du tre interesajn aranĝojn en la jaro 1979:

1. Somera Esperanto-Lernejo, SELKO 1979 de 27. 7. — 11. 8. 1979 en Košice/Hamra. Skribu pri informoj al d-ro Elemir Erby, Dom umenia, CS-04123 Košice.
2. Turisma Semajno, TUSE — 79, de 11. — 17. 8. 1979 en la Slovaka Paradizo (ĉe Spišská Nova Ves). Skribu al Peter Pavúk, Konrádova 6, CS-05201 Spišská Nova Ves.

*Okaze de la 8-a MEM-Konferenco:*

# Telegramoj de kaj al s-ro Romesh Chandra, prezidanto de la Monda Packonsilantaro

**Saluttelegramo de Romesh Chandra**

*Karaj amikoj, ni varme gratulas vin kaj deziras al vi plensukcesan konferencon. Ĉiuj viaj faradoj estis ĉiam valoraj kontribuoj por la paco kaj komprenigo inter la popoloj. Ni deziras al vi bonajn rezultojn en via plua kunlaboro por malstreĉiĝo kaj en la unueca batalo por ĉesigi la vetarmadon, por malarmado kaj malpermeso de ĉiuj amasdetruaj armiloj. Plej bonan saluton!*

*Helsinki,*

*Romesh Chandra*
*prezidanto de Monda Packonsilantaro*

**Saluttelegramo al Monda Packonsilantaro**

S-ro Romesh Chandra, Prezidanto de Monda Packonsilantaro, Helsinki

Kara amiko. Mi havas la honoron transsendi al vi la dankojn de la nova estraro de nia movado pro la gratultelegramo kiun vi bonvolis sendi al ni okaze de nia 8-a Ĝenerala Konferenco kiu okazis en Varna la 1-an de aŭgusto.

Tiu telegramo estis kompreneble tradukita kaj legita en la Konferenco kaj estis varme akceptita de la tuta ĉeestantaro.

Nia konferenco atingis senprecedencan sukceson per la nombro de la partoprenantoj (200) kaj per la reprezentitaj landoj (20, inkluzive de Koreo, Japanio kaj Vjetnamio). La Universala Kongreso de Esperanto ankaŭ atingis apartan sukceson (preskaŭ 5000 partoprenantoj), kio donas al nia movado, sur esperantista tereno, sufiĉe gravan laborkampon.

Mi esprimis la deziron ke la rilatoj kun MPK akiru efikan karakteron, kaj mi esperas ke tio povas konkretiĝi en tre proksima estonto.

Fine, mi informas vin, ke nia amiko N. Aleksiev, prezidanto de MEM kaj membro de MPK, pro sia sanstato, petis nin trovi anstataŭanton. Li restas honorprezidanto, kaj la nova prezidanto estas d-ro Imre Pethes, Mav Vezerigazgatosag, 1940 VI Nepköztarsasag utja 73, tel. 225-271, 38-64. Bonvolu kredi, kara amiko, je nia deziro kunlabori kiel eble plej bone kun MPK, je nia volo daŭrigi la komunan batalon por la paco, kaj ankaŭ je miaj plej bonaj sentoj.

Tours, 19. 8. 1978

*W. Gilbert*
*Ĝenerala sekretario*

## Mondkonata letero de Lev Tolstoj

*En la jaro 1894 V. L. Kravcov, en la nomo de esperantistoj de Voroneĵ, petis Tolstoj esprimi opinion pri la problemo de internacia lingvo ĝenerale kaj speciale pri Esperanto. La 27an de aprilo 1894 Tolstoj sendis sian famiĝintan leteron, kiun ni sube represas. La letero aperis en la rusa originalo en la volumo 67 de la plena verkaro (paĝo 101) kaj en la germana traduko en „Leo Tolstoj, Briefe 1848 – 1910". Gesammelt und herausgegeben von P. A. Segejenko, Berlin 1911 (S. 145). La Esperanta traduko aperis unuanfojon en „Esperantisto" n-ro 7 (55), Nürnberg, 15. julio 1894.*

Estimataj Sinjoroj!

Mi ricivis vian leteron kaj penos, kiom mi povos, plenumi vian deziron, t. e. eldiri mian opinion pri la penso de lingvo tutmonda entute kaj pri tio, kiom la lingvo Esperanto respondas al tiu ĉi ideo.

Pri tio, ke la homoj celas al tio, por fari unu anaron kun unu paŝtisto de prudento kaj amo kaj ke unu el la plej proksimaj kondukantaj ŝtupoj por tio ĉi devas esti reciproka komprenado de la homoj unu kun alia – pri tio povas ekzisti nenia dubo. Por tio, ke la homoj komprenu unu la alian, estas necese aŭ tio, ke ĉiuj lingvoj per si mem kunfandiĝu en unu lingvo (kio, se ĝi fariĝus iam, povus fariĝi nur post tre longa tempo), aŭ tio, ke la sciado de ĉiuj lingvoj tiel-vastiĝu, ke ne sole ĉiuj verkoj estu tradukitaj en ĉiujn lingvojn, sed ankaŭ, ke ĉiuj homoj sciu tiom multe da lingvoj, ke ĉiuj havu la eblon komunikiĝi unu kun la alia en tiu aŭ alia lingvo, aŭ tio, ke ĉiuj elektu unu lingvon, kiun devige lernus ĉiuj popoloj, aŭ fine tio (kiel supozas la volapükistoj kaj esperantistoj), ke ĉiuj homoj de diversaj nacioj akceptu unu artefaritan facilan lingvon internacian kaj ĉiuj lernu ĝin. En tio ĉi konsistas la ideo de la esperantistoj. Ŝajnas al mi, ke tiu ĉi lasta supozo estas la plej prudenta kaj – la plej grava – la plej facile efektivigebla.

Tiel mi respondas la unuan demandon. La duan demandon – en kia grado la lingvo Esperanto kontentigas la postulojn de lingvo internacia –, mi ne povas respondi tute decide, ĉar mi ne estas kompetenta juĝanto en tio ĉi. Unu, kion mi scias, estas tio, ke Volapük aperis por mi tre komplika, Esperanto do, kontraŭe, tiel facila, kiel ĝi devas aperi al ĉiu eŭropa homo. (Mi pensas, ke por tutmondeco en absoluta senco de tiu vorto, t. e. por ligi inter si hindojn, ĉinojn, popolojn afrikajn ktp, estas necesa alia lingvo, sed por homo eŭropa Esperanto estas tre facila.)

La facileco de ĝia lernado estas tiel granda ke ricevinte antaŭ ses jaroj Esperantan gramatikon, vortaron kaj artikolojn, skribitajn en tiu ĉi lingvo, mi post ne pli ol du horoj da okupado povis jam, se ne skribi, almenaŭ libere legi en tiu ĉi lingvo.

En ĉia okazo la oferoj, kiujn alportos ĉiu homo de nia eŭropa mondo, dediĉinte kelkan tempon por la lernado de tiu ĉi lingvo, estas tiel malgrandaj, kaj la sekvoj, kiuj povas veni, se ĉiuj, – almenaŭ la eŭropanoj kaj amerikanoj – ĉiuj kristanoj, – ellernos tiun ĉi lingvon, estos tiel grandegaj, ke oni ne povas ne fari tiun ĉi provon. Mi ĉiam pensis, ke ekzistas nenia pli kristana scienco, ol la sciado de lingvoj, tiu sciado, kiu donas la eblon komunikiĝi kun plej granda nombro da homoj. Mi vidis multajn fojojn, kiel homoj tenadis sin malamike unu kontraŭ la alia

nur dank' al la meĥanika malhelpo por reciproka komprenado. Kaj tial la lernado de Esperanto kaj la vastigado de ĝi estas sendube kristana afero, kiu helpas al kreado de la Regno de Dio, tiu afero, kiu estas la ĉefa kaj sola difino de la homa vivo.

27-an de aprilo 1894 *Lev Tolstoj*



**Tutpollanda Esperanto-Konferenco en Zakopane**

La laborkonferencon de PEA, kiu okazis la 2an kaj 3an de decembro 1978, partoprenis ca. 140 delegitoj. Kiel kutime estis invititaj gastoj el la Esperanto-organizaĵoj de socialismaj landoj. Antaŭ la komenco la vicurbestro akceptis la eksterlandajn gastojn. Li informis nin pri la pasinteco, nuntempo kaj estonteco de la urbo. Konferencejo estis la urbodomo de Zakopane. La vicurbestro malfermis la konferencon per parolado, sekvita de salutparoladoj de la reprezentantoj el Bulgario, Ĉeĥa Socialisma Respubliko, Finnlando, Germana Demokratia Respubliko, Hungario, Slovaka Socialisma Respubliko. Meritaj esperantistoj ricevis ordenojn ŝtatajn (de la Ministerio por Kulturo) kaj de Pola Esperanto Asocio. Pianistino kaj kantistino prezentis koncerton (kantotekstoj en Esperanto). La konferenco daŭris unu kaj duonan tagon kaj finiĝis per rezolucio. La eksterlandaj gastoj povis konatiĝi kun kelkaj muzeoj. En la muzeo de Poronin ni vidis ekzemple dokumentojn germanlingvajn pri la aresto de Lenin pro suspekto de spionado. La polico rapide kaj volonte liberigis lin, kiam montriĝis, ke li estas konspiranto kontraŭ la carisma rusa registaro. Ĉi-tiun fakton oni taksis tre taŭga por la aŭstria-monarkia politiko. Zakopane estas la pola vintra centro. Ni loĝis en bela feria domo de ministoj el Katowice. Partopreno en tiu-ĉi konferenco estis samtempe renkonto kun malnovaj amikoj kaj plimultigo de kontaktoj.

*Rudolf Hahlbohm*



**Tri aranĝoj en Pollando**

- IVa Ĉebaltmara Esperanto-Printempo (20. — 26. 5. 1979) en Koszalin
- Gdanskaj Proponoj — 79 (27. — 30. 5. 1979) en Gdansk
- IVa Esperanto-Renkonto Bydgoszcz — 79 kaj Seminario pri Kulturo (30. 5. — 3. 6. 1979) — Informojn ĉe „Esperantotur", str. M. Sklodowskiej-Curie 10, PL-85-094 - Bydgoszcz



**Edukado por la paco**

La estraroj de Pola Esperanto-Junularo kaj Skolta Esperanto-Taĉmento ĉe la 5-a Ĝeneralkleriga Liceo en Bydgoszcz invitas junulojn partopreni internacian konkurson pri la temo „Edukado por la paco". Oni sendu ĝis 10. 4. 1979 referaĵon en Esperanto pri la menciita temo al: V Liceum Ogólnokształcace, ul. Szarych Szeregów 4a, PL-85-829 Bydgoszcz/Pollando. Aŭtoroj de la plej interesaj referaĵoj estos invititaj senpage partopreni la 4-an Internacian Esperanto-Renkonton „Bydgoszcz-79" (30. 5. — 3. 6. 79).

EL RUMANIO:

# Oficiala scienca kolektivo en la Akademio!

## La interkonsiliĝo de la Kolektivo Esperanto-Interlingvistiko en la Akademio de Sociaj Politikaj Sciencoj (S. R. Rumanio)

## Timişoara, 23.–24. de septembro 1978

La Kolektivo Esperanto-Interlingvistiko (K. E. I.) en Timişoara-Centro de la Akademio de Sociaj kaj Politikaj Sciencoj estiĝis oficiale dum kunsido, la 29an de majo 1978, de la Scienca Konsilantaro de tiu centro. La ĉefaj celoj de K. E. I., tiam fiksitaj, estas: la antaŭenirigo de la studoj pri Esperanto kaj interlingvistiko — nuntempa plurfaka esplorkampo — en S. R. Rumanio, la kunordigo, gvidado kaj reprezentado de la efektivigo de tradukoj el kaj en Esperanto. Samokaze oni skizis la estontajn direktojn por la agado de K. E. I.

Kvankam kvazaŭĵuse estiĝinta, K. E. I. jam efektivigis kelke da atingoj, inter kiuj — laŭ kronologia ordo — menciindaj estas:

- la enkonduko de Esperanto kiel nedeviga studobjekto en la universitataj instruplanoj,
- la redaktado de la esperantlingva eldono de jubilea numero de la porturisma rumana revuo dediĉata al eksterlando, *Ferioj en Rumanio,*
- la partopreno — per 40 personoj — en la 34a Internacia Junulara Kongreso de TEJO en Veliko Târnovo (P. R. Bulgario) kaj en la 63a UK en Varna (samlande).

La I-a Interkonsiliĝo de K. E. I., kiu ĝuis multnombran partoprenantaron (- universitatanoj, esploristoj kaj aliaj Esperanto-parolantoj el pluraj urboj de Rumanio, kiel, Brasov, Bukuresto, Konstanca, Kluĵ-Napoka, Reŝica, Timişoara k. a. -) havis varian programon. La kunsido dum la mateno de la 23a de septembro 1978 dediĉita al organizaj problemoj, malfermiĝis per la *Agadraporto pri la jaro 1978 kaj la projekto pri la agado dum 1979,* prezentitaj de univ. prof. d-ro I. Fl. Bociort (Universitato de Timisoara), la estro de K. E. I. Post la prezentado de mallongaj informoj pri la loka agado, fare de respondeculoj de Esperanto-rondoj el diversaj loĝlokoj, sekvis diskutoj kaj proponoj por la estonta agado. Dum la posttagmezo, samtage, okazis la kunsido de la rondo „Esperanto kaj la scienco — Grigore Moisil“, gvidata de univ. doc. d-ro Cezar Apreotesei. Post la *Agadraporto kaj laborplano por 1978/79* (Dorin Cosma, sekretario de la rondo) sekvis la komunikaĵoj: doc. d-ro C. Apreotesei (Timişoara), *La scienco kaj Esperanto (rimarkoj pri la 63a UK en Varna);* la sama kaj univ. lekciistino M. Voin (Timişoara), *Leksikaj elementoj komunaj en la rumana kaj Esperanto,* D. Cosma, *Pri nova metodo de la kosto-kalkulado* kaj mallongaj notoj en Esperanto pri sciencaj eventoj, fare de kvin gestudentoj en la Timișoara universitata centro.

La duan tagon, la 24a de septembro, same okaze de la Interkonsiliĝo, oni inaŭguris la agadon de la rondo „Esperantologio“. D-ro S. Drincu, la gvidanto de la rondo, voĉigis la malfermo-paroladon, post kiu sekvis du sciencaj komunikaĵoj: asist. Const. Dominte (Universitato de Bukureŝto), *Fonostatistikaj rimarkoj pri Esperanto* kaj mag.-ino Angela Cosma (Timi-

şoara), *Rimarkoj pri la akuzativo en Esperanto kaj la rumana.* La scienca parto de la programo finiĝis per la prezentado de la verketo de d-ro H. Tonkin, *Esperanto and International Language problems: A Research Bibliography,* Washington (1977).

Post la salutparoladoj far esperantistoj-veteranoj el Baia Mare kaj Timişoara sekvis mallonga beletra programo, kiu enhavis deklamadon de rumanaj poeziaĵoj tradukitaj Esperanten, legadon de Esperantlingvaj anekdotoj. La programo finiĝis per la voĉigo de la impresoj travivitaj de kelke da partoprenintoj — profesoroj kaj gestudentoj — dum la du jam menciitaj kongresoj.

Dum la tuta Interkonsiliĝo ne mankis, nature, la entuziasmo — karakteriza por ĉiu ajn bona ekmarŝo —, nek la ekvilibriganta prudenteco.

*Asist. Constantin Dominte (Universitato de Bukuresto)*
*sekretario de KEI en ASPS*
*(S. R. Rumanio)*

★

## Lastatempaj atingoj

*Al la supre donita artikolo oni povas aldoni multajn ege interesajn informojn pri pli kaj pli plene etendiĝanta scienca Esperanto-agado en Rumanio. Ni sube prezentas kelkajn ricevitajn de K. E. I.*

- Prof. d-ro I. F. Bociort, la prezidanto de KEI, paroladis kvarfoje komence de la kuranta studjaro pri Esperanto antaŭ la studentaro el Timişoara. Li aperigis du intervjuojn en rumana kaj hungarlingva gazetoj, pridiskutis oficiale en la urboj Arad, Galati, Caransebes la eblecojn por estigi E-kursojn, kiuj estas favoraj. Granda evento okazis la 5an de oktobro 1978: Oni festis en Timişoara (en la Aŭla Magna de la Universitato) la 90an datrevenon de naskiĝtago de la plej granda rumana lingvisto — Iorgu Iordan — honora membro de pluraj sciencaj akademioj k. t. p. La granda sciencisto, kiu estas ankoraŭ tre aktiva kaj bonfartas, *ĉeestis* la feston. Ĉeestis plue kelkcentoj da sciencistoj, universitatanoj, gestudentoj. Post la rektoro de la Universitato kaj post la dekano de la Filologia fakultato paroladis en la nomo de la Akademio por Sociaj kaj Politikaj Sciencoj de Rumanio Prof. d-ro I. F. Bociort, varme, science, impona esperantlingve: Grandegaj aplaŭdoj! La akademiano Iordan, impresita kaj surprizita, esprimis, samtempe kun la danko, la bedaŭron ne povante respondi esperantlingve. La gazetoj informis pri la afero. Okazis diskutoj posttagmeze, ĉe la festa manĝado, inter la estraranoj de la Kolektivo Esperanto-Interlingvistiko kaj sciencistoj el aliaj universitataj urboj de la lando. Eble pro la festa aranĝo kaj la agrabla atmosfero neniu kontraŭis la ideon. Oni volis des pli multe ekscii.

- Docento d-ro Cezar Apreotesei aktivis en la urboj Baia Mare, Cluj-Napoca, Oradea kaj Brasov cele de organizado de Esperanto-agado. En Baia Mare li prelegis pri la temo: „Kion oni scias, kion oni ne

scias pri Esperanto?“ Li kontaktis grandnombron da sciencistoj kaj kulturaktivuloj en pluraj urboj, farante en septembro komence de oktrobro 1978 „rondvojaĝon“ tra la lando (Iasi, Bucuresti, Constanta k. t. p.). Li aperigis lasttempe ĉirkaŭ 15 informojn pri Esperanto-agado en nia lando, verkis du sciencajn komunikaĵojn esperantologiajn kaj prezentis ilin en la sciencaj Esperanto-rondoj de la urboj.

— Universitata asistanto Constantin Dominte (el Bucuresti) kontaktis gravajn personojn en la Rumana Radio-Televido (oni elsendis informojn pri Esperanto), en la estraro de la informoservo kaj gazetaro k. a. Oni komencis, sub lia gvidado, la laboron por *Rumana antologio*, (Kun tiu laboro KEI estis ŝarĝita de la prezidanto de ASPS okaze de la vizito de prof. d-ro H. Tonkin en Rumanio).

— Prof.-ino Mariana Prada tradukis rumanlingven la laboron de d-ro Tonkin „Esperanto and International Language Problems“ kaj recenzis ĝin en la Analele Universitătii din Timişoara (la scienca revuo de la Universitato). Ĉi tiu periodaĵo aperigos, komence de la venonta numero, resumojn ankaŭ en Esperanto. La samo okazos en la scienca periodaĵo de la Centro pri sociaj sciencoj de Timişoara. La studenta revuo „Forum studentesc“ havos konstante rubrikon pri Esperanto-movado kaj -lingvo (temas pri la revuo en Timişoara).

— Oni komencis la klopodojn por aperigo de rumana eldono de „Paco“ post la jubilea numero de „Ferioj en Rumanio“ esperantlingva, tio estus reala sukceso.

— KEI komencis grandan laboron por aperigi Esperanto-lernolibron kaj vortarojn Esperanto-Rumanan kaj Rumanan-Esperantan, utiligante la grandan helpon ricevitan de prof. Waringhien.

— Oni iniciatis kontaktojn por estigi rumanan Esperanto-gazetaran servon kaj la rumanan sekcion de ILEI. Bone sukcesis la iniciataj kontaktoj kum MEM kaj TEJO. Niaj reprezentantoj — Dorin Cosma kaj Mihai Panus — ricevis la konfirmilojn.

— KEI faris demarŝojn por enkonduki Esperanto-kursojn ankaŭ en aliaj fakultatoj (nefilologiaj) de aliaj urboj.

— En la urbeto Beliu de distrikto Arad, licea profesoro Emil Lazureanu maltermis denove la Esperanto-kurson por la partoprenantoj de la pasinta jaro, temas pri 96 entuziasmaj kursanoj de ĉi tiu grandmerita kaj prestiĝplena profesoro juna kaj tre kapabla. Sen vortaroj, kun improvizita lernolibro, helpe de kelkaj Esperanto-revuoj oni faras tie imponan laboron. Estus bonvene se esperantistoj el diversaj landoj sendus al ili bildkartojn aŭ aliajn E-aĵojn. La adreso: prof. Emil Lazureanu, scoala generala BELIU, judetul Arad, cod. 2856, Rumanio, Antaŭdankon.

— Pro manko de Esperanto-instruistoj tri unversitataj asistantoj, du sciencaj esploristoj kaj tri gestudentoj el Timişoara studas intensive la Internacian Lingvon por gvidi baldaŭ kursojn en la Politekniko, en la Medicina Instituto kaj en la Agronomia Instituto aŭ por aliaj serioj en la Universitato. Temas pri d-ro Sergiu Drincu, Cristiana Gruia, Maria Voin, Pia Teodorescu-Branzeu, Reinhardt Wive, d-ro Romeo Poenaru k. a.

— S-ano Zagoni Jenö (el Sf. Gheorghe) aperigis intervjuon kun prof. Bociort kaj mem aperigis artikolon ampleksan en hungarlingvaj revuoj de Rumanio pri Esperanto. Li skribis ankaŭ pri la UK en Varno. Pluraj gazetoj komentis la intervenon. Antaŭe li sukcesis aperigi informan artikolon pri Esperanto en la plej konata kaj disvastigata rumana revuo „Flacara".

— Tri liceaj profesorinoj kaj ses gestudentoj kunlaboras en la kadro de KEI ekde septembro c. j. por ke la taskoj prenitaj de la akademia kolektivo estu tre bone kaj akurate plenumataj.

— Baldaŭ aperos la unua numero de murgazeto „Esperanto — instrumento de la paco" en la granda halo de la Universitato en Timişoara.

*Kolektivo Esperanto-Interlingvistiko (KEI) de Rumanio*
*Vicestro: Docento d-ro Cezar Apreotesei*



**La Estraro de la Kolektivo:**

*Prezidanto:* Prof. d-ro I. F. Bociort
*Vicprezidantoj:* docento d-ro Cezar Apreotesei
Prof. Aurel Boia
*Sekretario:* univ. asistanto Constantin Dominte

La oficiala adreso: *Kolektivo Esperanto-Interlingvistiko ĉe la Akademio de Sociaj kaj Politikaj Sciencoj, Bulevardul Parvan n-ro 4, R-1900 Timisoara, Socialisma Respubliko Rumanio.*



**7a Studenta Interlingvistika Seminario**

Ekde 1973 polaj studentoj ĉiujare okazigas studentajn interlingvistikajn seminariojn. La 7a okazos de la 25a ĝis 28a de aprilo 1979 en Varsovio. Dum la seminario laboros tri subseminarioj pri

a) Lingvistikaj konceptoj kaj esplormetodoj
b) Esplorkomunikoj
c) Lingvoteoriaj kontribuoj

Interesiĝantoj sin direktu al: Socjalistyczny Zwiazek Studentow Polskich, Rada Uczelniana Uniwersytetu Warszawskiego, Interlingwistyczne Koło Naukowe, ul. Krakowskie Przedmieście 24, PL-00-325 Warszawa.



**Korekto**

Pro iu miskompreno en „der esperantist" 5/78 aperis korespondanonco de Elna Matland, Norvegio, sub la nomo Norvega Esperantista Ligo. Ni kun pardonpeto informas, ke tiu anonco erare aperis sen scio de s-ro Matland, al kiu ne eblas respondi la leterojn. Ni petas komprenon.

## *La prezidanto de BEA: Ĥristo Gorov - 70 jara*

Dum oktobro 1978 la prezidanto de Bulgara Esperantista Asocio (BEA), k-do Ĥristo Gorov, estis distingita de la prezidanto de Bulgario, Todor Ĵivkov, per la alta ordeno „Georgi Dimitrov". La okazo estis la 70a naskiĝtago de tiu eminenta bulgara esperantisto. Ĥristo Gorov jam eklernis Esperanton en la jaro 1925 kaj baldaŭ ekaktiviĝis en la bulgara laborista Esperanto-movado (BuLEA). Sub la pseŭdonimo Ĥrima (*Ĥri*sto *Ma*rinov Gorov) li verkis rakontojn kaj poemojn. (1932 ĉe EKRELO aperis „Ĉe abismo"). Kiam 1934 BuLEA pro potencakiro de reakcia oficira kliko en Bulgario eksterleĝiĝis, Gorov agadis kiel redaktoro de bulgarlingvaj kaj Esperantaj revuoj en Plovdiv. 1935 oni ĵetis Ĥristo Gorov en malliberejon, kie li kune kun Nikola Aleksiev kaj aliaj esperantistaj malliberuloj eldonis manskribitan gazeton en Esperanto.

Dum la Dua Mondmilito Gorov organizis eksterleĝan gazeton, fariĝis popola partizano kaj mobilizis antifaŝistajn fortojn en la distrikto Plovdiv. Post la liberigo Ĥristo Gorov fariĝis funkciulo en la Patrolanda Fronto kaj de la Bulgara Komunista Partio. Li verkis diversajn librojn en bulgara lingvo pri partizana agado („Survoje al la venko", „Tiel pereis la partizana komisaro" k. a.). K-do Gorov fariĝis i. a. ĉefredaktoro de filmstudio, verkis kaj redaktis dudekon da filmoscenaroj. De 1960 — 1964 li estis prezidanto de BEA kaj 1976 denove elektiĝis en tiun oficon. Inter bulgaraj kaj eksterlandaj esperantistoj, do ankaŭ en GDR, k-do Ĥristo Gorov estas alte ŝatata. Celkonscia, modesta kaj varmkora. Ĥristo Gorov plene dediĉas sian forton al la multaj sociaj taskoj, kiujn realigas BEA. Gravan rolon ĉi-rilate ludas la tradiciaj amikaj rilatoj inter germanaj kaj bulgaraj esperantistoj.

Ni tutkore gratulas al k-do Gorov okaze de lia vivojubileo kaj deziras longdaŭran sanon kaj bonfarton.

*Centra Laborrondo Esperanto*
*en Kulturligo de GDR*



**Ni gratulas**

- Walter Busse el Magdeburg, kiu festis la 24-an de januaro 1979 sian 80-an naskiĝtagon.
- Eva kaj Jürgen Hamann, kiuj geedziĝis la 6-an de januaro 1979. Al la internacia paro (Eva Kiss estas hungarino) multan feliĉon!
- al k-do Fritz Hagemann el Raschau, aktiva malnova laborista esperantisto, kiu ricevis la 1an de oktobro 1978 la „Patrolandan Meritordenon en Bronzo".
- al Arthur Schwarzenbach el Zittau, kiu fariĝis 90jara la 13. 12. 1978. Li lernis Esperanton en 1921/22 kaj apartenis al LEA.

## 6-a Plenkunsido de Centra Laborrondo

La 8an kaj 9an de decembro 1978 Centra Laborrondo okazigis sian 6an plenkunsidon en Gera.

La membroj traktis la rezultojn de la 63a Universala Kongreso de Esperanto en Varna kaj de la 34a TEJO-Kongreso en Veliko-Tarnovo.

Krome oni prijuĝis la IIIan Centran Konferencon okazintan dum oktobro 1978 en Rostock. Dum la plenkunsido Centra Laborrondo akceptis la laborplanon por 1979 kaj resumis la faritan laboron en la pasinta jaro 1978. La Distriktaj Laborrondoj informis pri la planitaĵoj por 1979. speciale liĝe al la 30a datreveno de la fondiĝo de GDR.

Por la prezidio de CLE (Arbeitsausschuß) kooptiĝis kiel novaj membroj Jürgen Hamann kaj Michael Lennartz. La prezidio sekve konsistas nun el jenaj membroj:

prezidanto: *Rudolf Hahlbohm,* teatrologo kaj grafikisto, kunlaboranto en muzeo

vicprezidanto: *Ludwig Schödl,* instruisto, pensiulo

sekretario: d-ro *Detlev Blanke,* sekciestro en Kulturligo de GDR

pluaj membroj: *Jürgen Hamann,* bibliotekisto, kunlaboranto en la Distrikta Estraro de KL, Leipzig, prez. de Distrikta Laborrondo Leipzig

*Hans Heinel,* filozofo, kunlaboranto en subdistrikta partia estraro, prez. de Distrikta Laborrondo Karl-Marx-Stadt

*Michael Lennartz,* faklaboristo, studento, prez. de la Junulara Komisiono de CLE

*Siegfried Linke,* historiisto, kunlaboranto en la Distrikta Estraro de Urania, Halle, prez. de Distrikta Laborrondo Halle

*Werner Pfennig,* inĝeniero, prez. de Distrikta Laborrondo Neubrandenburg

I. a. oni decidis ellabori regularon pri la disdono de la honora insigno de CLE.



**Skribis k-do Gerhard Bierbaum:**

Pere de mia iama korespondanto el Minsk, nun loĝanta en Gomel (USSR), mi eksciis la adreson de Paul Lotter, kiu estis same persekutita kiel mia patro dum la nazia tempo. Paul Lotter kune kun mia patro pro „preparo al ŝtatperfido" estis enkarcerigita de 1933 – 1935 en la „Kastelo Osterstein", pundomo en Zwickau. Tie iliaj opinioj intersamiĝis. Kontribuis al tio ankaŭ Esperanto. Mi mem post la pundoma restado en 1937 aŭ 1938 rekontaktigis Paul Lotter kun mia patro.

*Rimarko de la red.: La patro de Gerhard Bierbaum, Alfred Bierbaum, estis aktiva laborista esperantisto el la iama Chemnitz, kiu pereis dum la milito.*

# Esperanto-fakrondo de medicinistoj

La 2-an kaj 3-an de decembro 1978 kunvenis en Schwerin 46 medicinistoj-esperantistoj el la tuta respubliko. Ili sekvis la inviton de preparkomitato, gvidita de d-ro G. Brosche, kiu dum unujara laboro serĉis kaj trovis ĉirkaŭ 90 personojn, kiuj okupiĝas pri medicinaj profesioj, samtempe parolantaj Esperanton. Post kelkfoja informado la duono de ili konsentis aktivan kunlaboron en fondenda fakrondo.

Post la alveno de la partoprenintoj kaj internaciaj gastoj kaj ilia enloĝigo, kiun kun helpo de lokaj esperantistoj bonege prizorgis kolegino d-ro Spiegelberg, la laboro komenciĝis sabate antaŭtagmeze. En la domo de Kulturligo d-ro Blanke, sekretario de Centra Laborrondo Esperanto de GDR, prelegis interese pri „Scienco kaj Esperanto", sciiginte la aŭskultintaron pri gravaj kaj novaj faktoj rilate la internacian lingvon kaj ties aplikado en scienco. Sekvis la baza prelego de d-ro Brosche, per kiu li prilumis ĉiujn flankojn kaj eblecojn de estonta agado, doninte multajn proponojn por la pridiskuto de laborprogramo. Dum vigla diskutado densiĝis multaj ideoj kaj pensoj, kiuj entute formis la laborprogramon.

Nia hungara gasto, d-ro Ferency, fakkuracisto pri trafika medicino kaj samtempe sekretario de UMEA (Universala Medicina Esperanto-Asocio) por Eŭropo, transdonis la salutojn de sia lando kaj de UMEA. En konciza, sed instrua prelego li informis pri kelkaj problemoj de trafika higieno. Sinjoro Opoka el Pollando, farmaciisto kaj prezidanto de la Medicina Esperanto-rondo ĉe la universitato de Krakovo, transdonis korajn salutvortojn de niaj polaj gekolegoj kaj informis nin pri la laboro pola sur tiu kampo. Tiel ni gajnis multajn valorajn instigojn por nia agado.

Dum posttagmeza urborigardo sub la lerta kaj sperta gvidado de s-ro Thormann ni eksciis multajn interesaĵojn ne nur pri la historio kaj arkitekturo de la malnova urbo, sed ankaŭ de la nova Schwerin, kiun ni povis desupre rigardi el ĉarma kafejo en la deka etaĝo de multetaĝa domo. Tute neatendite tiu kafejo montriĝis kiel perlo de arkitektura bongusto — kaj de gastronomio.

Fruvespere la partoprenintaro decidis pri la laborprogramo por la jaro 1979. Inter alie ĝi entenas:

- okazigon de pluraj laborkunvenoj jare
- okazigon de renkontiĝo de ĉiuj anoj de la fakrondo kun parte labora, parte distra karaktero
- kunlaboro precipe kun niaj fakkolegoj el Ĉeĥoslovakio, Pollando kaj Hungario, pli poste eble kun UMEA
- kontribuon al laboro de jam ekzistantaj medicinaj periodaĵoj internaciaj esperantlingvaj kaj naciaj
- subtenon al la laboro de niaj hungaraj Esperanto-fakkolegoj kun la celo de kompilado de estonta fakvortaro
- eldonon de multobligita informilo
- partoprenon je la II-a Internacia Medicina Esperanto-Konferenco okazonta 1979 en Hungario.

Finfine la Esperanto-fakrondo de medicinistoj en la kadro de Kulturligo de Germana Demokratia Respubliko estis oficiale fondita. Kiel estron la partoprenintoj elektis d-ron Brosche, kiel anstataŭantojn sinjorinon d-ro Spiegelberg kaj sinjoron Koch.
Belega lumbildprelego en Esperanto kaj gaja vespero fariĝis finaj ekvivalentoj al streĉa kaj disciplina laboro.
Do — promesplena komenco, kiu ne estus sukcesinta tiel bone sen la helpo de s-ro Diedrich, estro de la distrikta laborrondo, de s-ro Kurtze kaj de multaj ne menciitaj esperantistoj el Schwerin. Dankon al ili!

Kontaktadresoj: Dr. Brosche
**DDR - 7981 Rückersdorf**

aŭ H. Koch
Facharzt für Allgemeinmedizin
Berliner Straße 9
**DDR - 7800 Ruhland**

— partopreninto —



## Das 12. Seminar: Leergang oder Lehrgang?

Diese Frage bewegte mich sehr bei meiner Entscheidung, mich für die Teilnahme am 12. Seminar für ehrenamtliche Leitungskader und Kursleiter in Wehsendahl zu melden. Immerhin haben wie ich viele eine Familie oder noch zahlreiche andere gesellschaftliche bzw. berufliche Verpflichtungen. Ich will ganz aufrichtig bekennen: Bei meinem Entschluß für die Teilnahme am Seminar fühlte ich mich verpflichtet, als AG-Leiter meinen Mitgliedern Vorbild zu sein und war weniger davon überzeugt, daß dieser Lehrgang viel bringen wird. Aber ebenso freimütig und ohne Übertreibung kann ich sagen, daß die Teilnahme an dem Lehrgang ein voller Gewinn für meine Tätigkeit als Leitungskader im Kulturbund war. Ausnahmslos waren alle Vorträge gut vorbereitet, hatten ein hohes Niveau und waren interessant bis zur letzten Minute. Ich habe bereits viele andere Lehrgänge besucht, doch noch nie habe ich erlebt, daß alle Teilnehmer nach einem anstrengenden Unterrichtstag aus eigenem Interesse bereit waren, über viele der Themen noch lange während der Abendstunden weiter zu diskutieren. Die aktuellen politischen Informationen und die fachlichen Themen, die sehr praxisverbunden behandelt wurden, werden mich befähigen, meine Aufgaben künftig noch besser wahrzunehmen. Der Lehrgang ist nicht nur geeignet für Leitungskader und Kursleiter, sondern insbesondere auch für Nachwuchskräfte und solche, die für die planmäßige Entwicklung von Leitungskadern geeignet sind. Dabei denke ich auch insbesondere an aktive Jugendliche. Abschließend sei noch bemerkt, daß ich diese Stellungnahme in der vollen Überzeugung abgebe, daß alle Teilnehmer dieses Seminars, vom Akademiker bis zum Jugendlichen, meine Auffassung bestätigen werden. Ich hoffe, daß diese Meinungsäußerung anderen AG-Leitern bei der künftigen Werbung eine Hilfe sein wird.

*Ing. Hans-Joachim Borgwardt*
*Vors. d. Kreisarbeitsgruppe Esperanto Stralsund*

## 12a seminario en Wehsendahl

Ĉi-jare la 12an seminarion de honoroficaj funkciuloj kaj aktivuloj en la Esperanto-kluboj de Kulturligo de GDR en Wehsendahl (ĉe Strausberg) partoprenis 18 personoj.[1]) La programo entenis kelkajn bazajn prelegojn pri: „Aspektoj de la internacia lingva komunikado", „Raciigo de la internacia lingva komunikado", „La lingvaj karakterizaĵoj de Esperanto", „Stato de la internacia Esperanto-movado", „Problemoj de la agado de esperantistoj en Kulturligo de GDR", „Informado, argumentado, kaj argumentoj" (ĉiuj de d-ro Detlev Blanke), „Problemoj de gvidado" (Werner Pfennig), „Esperanto en la klasbatalo de laboristoj" (Ludwig Schödl), „Aktualaj problemoj de la internacia ideologia batalo" (Hans Heinel), „La Esperanto-kurso, preparo kaj realigo" (Hella Sauerbrey), „Spertinterŝanĝo pri varbado" (Hanna Scheffs). Krome tre valora estis raporto pri vojaĝimpresoj en Vjetnamio, de s-ro Fritz Ley (sekciestro en KL), kiu mem por kelkaj semajnoj vizitis Vjetnamion kiel membro de delegacio de la Solidareco-Komitato de GDR. Krome d-ro Blanke prelegis pri Islando kaj la 62a UK kaj Werner Pfennig pri la 63a UK. Ne mankis ĉiutagaj lingvaj ekzercoj, dancvespero kaj . . . multegaj tre utilaj du- kaj plurpersonaj diskutoj. Ofte ĝis malfrua vespero formiĝis rondoj diskutantaj pri la multaj problemoj lige al „Esperanto en teorio kaj praktiko". La seminario al ĉiuj partoprenintoj donis multajn novajn informojn kaj vidpunktojn utilajn por la agado en grupoj kaj estraroj.

[1]) Ĝi okazis de 27. 11. — 3. 12. 1978

*Partopreninto*



### Metodika seminario 1978

De la 9a ĝis 12a de novembro 1978 23 instruantoj (kaj -ontoj) de Esperanto partoprenis en la kulturliga kvalifikejo Bad Saarow seminarion pri problemoj de la Esperanto-instruado. D-ro Till Dahlenburg, kunaŭtoro de la ĵus aperinta nova lernolibro, prelegis pri principoj kaj metodoj de la Esperanto-instruado, aplikante spertojn kaj el la instruado de fremdaj lingvoj ĝenerale kaj de Esperanto speciale. D-ro Detlev Blanke resumis la aktualan staton de la internacia Esperanto-movado kaj de tiu en GDR. La seminarianoj tre aktive partoprenis la laborojn prezentante siajn proprajn praktikajn spertojn, demandojn kaj sugestojn. Ili krome prilaboris diversajn taskojn. La seminario montris nivelo-kreskon de la instruado de Esperanto en GDR.



### El Leipzig

La 16an de decembro 1978 okazis jarfina kaj Zamenhofa soleno de la kunlaborantaj Distriktaj Laborrondoj Esperanto de Leipzig kaj Halle. Ĉeestis ĉ. 40 personoj. Novaĵo estis kvizo inter 2 teamoj de Halle kaj Leipzig. Akirebla estis por la venkanta teamo migra pokalo. La feliĉo favoris Leipzigan teamon. Sed certe la venontjara defendo de la pokalo ne estos facila.

Dum tiu soleno estis distingata i. a. la Leipziga grupestro Rolf Beau kaj edzino pro ilia aktiveco.

## Ferienreise zum Balaton

Mitglieder der Esperanto-Arbeitsgemeinschaft LUMTURO Rostock nahmen im Sommer 1978 am 11. Internationalen Pionierlager in der ungarischen Pionierstadt Zánka am Balaton teil.

Zánka ist die größte Pionierstadt Ungarns. Sie umfaßt 220 Hektar, und die Straßen erstrecken sich über 10 Kilometer. Seit 1975 haben sich in Zánka bereits 100 000 Pioniere aus vielen Ländern erholt.

Die Rostocker Teilnehmer waren gemeinsam mit jungen Esperanto-Freunden aus Ungarn, Polen, der Tschechoslowakei und Jugoslawien untergebracht. Der Programmablauf in Zánka umfaßte einen gemeinsamen Eröffnungs- und Abschlußappell aller 3000 Teilnehmer mit kultureller Umrahmung, den Auftritt eines berühmten Budapester Kinderchores, dessen Mitglieder bereits u. a. in Japan gastierten, die Fernsehaufzeichnung eines Sport- und Musikprogramms, Baden im Balaton, einen Ausflug per Schiff zur Halbinsel Tihany sowie eine Friedenskundgebung mit abschließendem Lagerfeuer, das auf dem Balaton entzündet wurde. Beim Esperanto-Kulturausscheid erhielten die Rostocker LUMTURANOJ viel Beifall für „Vi estas mia kor'", „Havas nomon ni LUMTURO, Rostock estas nia hejmurbo" und weitere dargebotene Lieder. Der Aufenthalt trug dazu bei, neue Freundschaften zu knüpfen und die Esperanto-Kenntnisse zu vertiefen.

*H. Schröter*



**Seminare 1979**

*1979 finden folgende Seminare statt:*

1. Das 13. Seminar für ehrenamtliche Leitungskader der Esperanto-Gruppen im Kulturbund, 19.—24. März 1979 in Ahrenshoop. Anmeldungen sind nach Bestätigung durch den Bezirksarbeitskreisvorsitzenden an den Zentralen Arbeitskreis zu richten.

2. Interlinguistik-Seminar vom 16.—19. April 1979 in Ahrenshoop. Dieses Seminar ist wissenschaftlich interessierten Esperantisten sowie Wissenschaftlern aus der DDR vorbehalten. Teilnahmewünsche nimmt der Zentrale Arbeitskreis entgegen.

3. 8. Jugendseminar, genauere Informationen folgen.

4. Methodik-Seminar, genauere Informationen folgen.



**En grava enciklopedio**

La unuvoluma enciklopedio „Kulturpolitisches Wörterbuch" (Kulturpolitika Vortaro), kiu aperis fine de 1978 ĉe Dietz-Verlag, Berlin, en dua eldono enhavas tre ampleksan artikolon pri Esperanto, ties internacia apliko kaj pri la agado de la esperantistoj en Kulturligo de GDR (p. 180—181).

La artikolon verkis d-ro Detlev Blanke.

La enciklopedio apartenos al la plej gravaj laborinstrumentoj de kulturaj funkciuloj en GDR.

# KORESPONDDEZIROJ 31635

## Brazilo

23j. teknikisto dez. kor. tutmonde pri literaturo, turismo, folkloro, kol. bk: Sergio Rigo, rua Antonio Oliveira, **48-18100 Sorocaba-SP**

## Bulgario

Kuracisto, 32j., dez. kor. tutmonde pri literaturo, poezio, filmarto, skulptaĵo, sporto: D-ro Mirko Atanasov, 27, strato Sofia, **9700 Šumen**
Gekursanoj (kuracistoj k. flegistinoj) dez. kor. tutmonde, skribu al la kursgvidantino Rajna Kasabova, **str.** Kiril i Metodi 84, **Šumen**
Fervojisto, Ivanĉo Kocev Ivanov, Gara Ilienci, blok 2, **BG-1220 Sofio,** dez. kor. k. esp. el GDR p. ĉ. t.
Junulino, 17j., dez. kor. kun geesp. el GDR pri muziko, literaturo, sporto, kino: Galja Markova, **7800 Popovo,** „Aurora" 31 A
Lernantino, 16j., dez. kor. kun esp. el GDR pri libroj, muziko, kol. bk: L. Zlatanova, **2500 Kjustendil,** str. Klincovska 29

## ĈSSR

Vladimir Soloviĉ, poŝta, **90101 Malacky,** 55j., dez. kor. tutmonde p. ĉ. t. kun spertaj esp., bv. represi

## GDR

Instruisto, 45j., dez. kor. p. ĉ. t., kol. bk, pm, E-glumarkojn: Helmut Bein, **409 Halle-Neustadt,** Bl. 147/2
Komencanto (dipl. inĝ. ekonomisto), 38j., dez. kor. p. ĉ. t., tutmonde: Wolfgang Hofmann, Käthe-Kollwitz-Str. 24, **7144 Schkeuditz**
Prizorgistino, 36j., dez. kor. kun koleginoj p. ĉ. t.: Karin Klawitter, **128 Bernau,** Eberswalder Str. 30a
Fraŭlino, 20j., dez. kor. pri sporto, lingvoj, muziko, literaturo: Gudrun Manns, Fr.-Engels-Str. 8, **172 Ludwigsfelde**
Farmaciisto, 30j., dez. kor. kun esp. el ĈSSR, Pollando, Sovetunio, prec. pri arto k. literaturo: Martin Strecker, Karl-Marx-Str. 17, **724 Grimma**
Dez. kor. kun pollandanoj, prec. el distr. Górzow: Ursula Schumann, **1244 Hangelsberg,** Steinstr. 4
Sekretariino, 29j., dez. kor.: Renate Stöhr, **59 Eisenach,** Rosenstr. 6

## Hungario

Lernantino, 11j., dez. kor.: Tünde Bula, **H-5502 Endröd,** Hösök, Tere 2
Sekretariino, 34j., dez. kor. kun E-instruistino p. ĉ. t.: Rozalia Prenoszil, **H-1112 Budapest,** Menyecske u. 3

## Soveta Unio

Erich Aavik, **200013 Tallinn,** Juurdeveo 10-2, Estonio, 46j., dez. kor.
Peeter Aitai, **203661 Pärnu** raj., Liu., Estonio, serĉas kontaktojn kun maristoj, velnavigistoj, maramantoj je preparo de faka organizaĵo
Fraŭlino, 30j., dez. kor. tutmonde, kol. bk, pm, glumarkojn, E-librojn: Natali Brik, Temernickaja 68-11, **344007 Rostov-Don-7**
Viktor Buckij, Ŝĉorsa 45-33, **340050 Doneck,** dez. kor. kun esp. el GDR p. ĉ. t.
Studento, 24j., dez. kor. tutmonde pri historio, religio, filosofio, arkeologio, etnografio k. interŝanĝi presaĵojn, bk, sondiskojn: Jurij Fjodorov, **703003 Samarkand,** ul. Karla Marksa d. 63, kv. 19, Uzbekistano
Komencanto (inĝeniero-konstruisto), 69j., dez. kor., kol. pk: Jevgenij Gavrilov, ul. Lazo 50/23, **341002 g. Shdanov**
Esperantistinoj el la Moskva Universitato dez. kor. tutmonde pri literaturo, muziko, lingvoj: Ira Kaljuĵina (18j.), Marina Kulgavĉuk (17j.), Lena Hlibova (20j.), Dzjuba Svetlana (22j.), **Moskvo,** pr. Vernadskogo 37, komunloĝejo de la MŜU.
Inĝeniero, 28j., dez. kor. pri poezio, kol. E-literaturon, diskojn, insignojn: Sergej Kocar, **350049 Krasnodar,** ul. Gagarina 145, kv. 11
Studento, 20j., dez. kor. Aleksandr Kolesnikov, **347900 Taganrog,** Rostovskoj obl., Gogolevskij per., 3, kv. 3

Herausgeber: Kulturbund der DDR
(Zentraler Arbeitskreis Esperanto)
Redaktion: 108 Berlin, Charlottenstr. 60
Fernruf: 2 20 29 91
Verantw. Redakteur: Dr. Detlev Blanke.
Redaktionskommission: Hans Heinel, Werner Pfennig, Rudolf Hahlbohm, Ludwig Schödl. – Veröffentlicht unter der Lizenz-Nr. 648 des Presseamtes beim Vorsitzenden des Ministerrates der DDR. – Erscheinungsweise: 6mal im Jahr. Preis pro Einzelheft 30 Pf.
Druck: Druckwerkstätte Glauchau
Artikel-Nr. (EDV) 7928 III-12-8 149